# La Bulteneto

Numero 61 Jaro 2021

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO

ZWEISPRACHIGES MAGAZIN AUS WIEN







# LA PLEJ GRANDA ORA TREZORO

# La Bulteneto

Numero 61 Jaro 2021

Aliaj numeroj kiel pdf: bitoteko bulteneto



Ideo kaj granda parto de teksto kaj fotoj:

Josef Kříž, Ĉeĥio, panglotia@gmail.com

Kunlaboris kaj reviziis: Renate kaj Walter Klag, Aŭstrio

Redaktejo - eldonejo - presejo:

Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio

esperanto@chello.at




Paĝo 1:

Maldekstre la resto de la bronza kaldrono, en kiu troviĝis la oraj moneroj. Dekstre unu el tiuj „ĉielarkaj pelvetoj”.

Fonto: Ing. Jiří Pour,

zástupce lesního správce LS Křivoklát.

# La plej granda ora trezoro trovita en Eŭropo

**Enhavo**

1 Rakonto pri la trovo de la ora monertrezoro de Podmoklo
2 Kiu estas la laŭleĝa posendanto de trovaĵo?
3 La sorto de la ora monertrezoro
4 Pri la vivsituacio ĉirkaŭ 1771
5 La oraj moneroj kaj la bronza kaldrono
6 La valoro de la trezoro
7 El la vivo de Princo Karl Egon de Fürstenberg I.
8 La boioj kaj ties moneroj
9 La mona sistemo en la 18a jarcento
10 La libro de Biener
11 Kio estas trezoro?

## 1 Rakonto pri la trovo de la ora monertrezoro de Podmoklo

La 12an de junio 1771 norde de la vilaĝo Podmokly[1] [pódmokli] la kamparano Jan Koch [koĥ], nomita Janota [jánota], venis por falĉi herbejon ĉe la maldekstra bordo de la rivereto Podmoklo. La malalta deklivo super tiu ĉi rivereto estis iom disŝirita pro longdaŭra pluvo; tie li ekvidis multajn „flavajn butonojn kun stranga desegnaĵo“ en detruita ujo elterigita fare de la pluvakvo. Ĉar li estis simpla homo, kiu neniam oron vidis aŭ eĉ tenis en sia mano, li pensis, ke li trovis latunajn butonojn. Li pluke levis ilin, metis ilin en sian poŝon kaj portis ilin hejmen – al la infanoj por ludo.

---

[1] 60 km okcidente de Prago, Ĉeĥio, tiam Bohemio respektive Aŭstrio. Germane: Podmokel, Podmokle; Esperante: Podmoklo.

Kiam la infanoj ludis kun la „flavaj butonoj“ sur la vilaĝa placo, alparolis ilin pordo-al-pordo preteriranta juda vendisto. Li petis aĉeti la butonojn de la infanoj - unu peco kontraŭ unu Kreuzer[2].
Eksciante la lokon de la trovejo, la vendisto serĉis pliajn „butonojn“ tie. Lia intereso igis vilaĝanojn suspekti, ke oro estis malkovrita ĉe la rivereto. Poste multaj vilaĝanoj kuris tien por akiri iom de la ora trezoro. Estis tiom da moneroj ĉe la rivereto, ke neniu revenis hejmen kun malplena poŝo.

Pro pluvego iom post iom pliaj oropecoj aperis el la tero. Eĉ el la inundanta rivereto la vilaĝanoj ekpluklevis ilin. Venis vilaĝanoj de la malriĉa malgranda vilaĝo Podmoklo al laboristo Janota por ege danki lin, ke li plibonigis ilian vivon plenan de mizero kaj malfacileco. Tiutempe la tuta Ĉeĥa lando malsategis.

Sekve aperis en Podmoklo komercistoj, kiuj aĉetis orpecojn de la feliĉaj posedantoj. Muelistoj subite vendis kaŝe retenitan farunon kontraŭ oropecoj. Eĉ en la taverno de Anna Hobolysá [hóbolisa] haveblis kontraŭ tiu ora mono alkoholaĵoj, kiujn Anna Hobolysá kaŝis en sia kelo. Gaja humoro ekregis en la vilaĝo.
Tiun vilaĝan bonŝancon finis Kašpar Růžička [kaŝpar rúĵiĉka], oficisto de Princo de Fürstenberg. Růžička havis la ordonon konfiski la oran trezoron, ĉar la troveja grundo apartenis al la Princo. La ambicia Růžička strebis fari pli ol la princo postulis de li. Tamen li preparis sin laŭplane por rolo de punanta justico.

Venis al Podmoklo grupo da princaj oficialuloj, la superulo de la oficejo Křivoklát[3] kaj pluaj helpantoj. Růžička vokis la vilaĝanojn al la vilaĝa placo. Tie li informis ilin, ke ili priŝtelis la princon, kaj instrukciis ilin, ke ili devas transdoni ĉiujn monerojn, kiujn ili jam havas; li ordonis, ke ili ankaŭ diru, al kiuj personoj ili jam donis aŭ vendis monerojn, kaj ke ili denuncu vilaĝanojn, kiuj ne transdonis monerojn. Li minacis, ke alikaze la diablo kaptos iliajn animojn. Ĉar vortoj ne kondukis al la celo, la helpantoj de Růžička senskrupule traserĉis la domojn, elŝiris plankajn

---

[2] [krojcer]. Valoro hodiaŭ plimalpli 1 €.
[3] Germane Pürglitz.

bretojn, rompis lignajn kestojn, disŝiris pajlajn matracojn, sed sensukcese. Tial la oficistoj de Křivoklát ligis kelkajn virojn unu post la alia sur benkon kaj batadis ilin per vipo, ĝis pluraj el ili ne nur donis la ŝtelitajn monerojn sed ankaŭ denuncis najbarojn; tiuj viroj, kiuj ne reagis pro batado, estis ĉare transportitaj al Křivoklát, kie ili estis metitaj en malliberejon, kie oni ne donis al ili manĝajon – tiu metodo sukcesis igi ilin obeemaj.

Růžička ne atendis la finon de la punado. Aŭdiĝis ankoraŭ laŭtegaj ploradoj vastdistance en la ĉirkaŭaĵo, kiam Růžička rapidis kun siaj kunuloj kaj laborgrupo da viroj al la trovloko de la moneroj. Grava ideo direktis lin. Dum pluvo li ordonis doni hakfosilojn kaj ŝovelilojn al la laborgrupo por plia fosado en la tereno. Malfrue en la posttagmezo ies hakfosilo trafis obstaklon kaj aŭdiĝis metala sonorado. Post plia fosado per nudaj manoj en aĉe malseka tero elteriĝis la restaĵo de bronza kaldrono plena de oraj moneroj. Růžička prave supozis, ke la ĉefa parto de la ora trezoro estis ankoraŭ en la tero.

Princo Karl Egon la 1a de Fürstenberg eksciis pri la trovaĵo kaj lasis ĝin kolekti kaj konfiski; li sukcesis havigi al si la plej grandan parton de la trezoro - 4200 moneroj, laŭ la raporto pri tiu trovaĵo.

## 2 Kiu estas la laŭleĝa posendanto de trovaĵo?

Kiel estis la situacio en 1771 laŭ tiamaj leĝoj pri malkovro de trezoro? Tiam unu triono de trezoro apartenis al la ŝtato, dua triono apartenis al la terposedanto kaj tria triono apartenis al la trovanto.
En la 18a jarcento unu triono de la podmokla trezoro ebligis komfortan vivon dum multaj jaroj.
Sed la kalkulo en tiu kazo funkciis alimaniere. Imperiestrino Maria Theresia[4] cedis sian trionon de la trezoro favore al Karl Egon von (=de) Fürstenberg. Janota kaj

---

[4] [maria terézia], regis sola 1740 ĝis 1765; poste ŝi regis ĝis 1780 kune kun sia filo Joseph [jozefo] la 2a.

samvilaĝanoj, kiuj trovis la trezoron, prisilentis ĝian malkovron, tial ili ricevis nenion krom vipado. Fine tuta trezoro falis en la manojn de Princo Fürstenberg.

### 3 La sekva sorto de la ora trezoro de Podmoklo

La cirkonstancoj fine de la 18a jarcento malhelpis la konservadon de la trezoro en ĝia originala formo.
La elfosita trezoro - ĝi ripozis dum 2000 jaroj en la tero - preskaŭ tute transportiĝis en la Pragan pregejon de moneroj. La oron origine trovis la antikvaj keltaj loĝantoj en Bohemio en la 3a kaj la 2a jarcentoj antaŭ nia erao. Post fandado en la 18a jarcento ĝi formiĝis al novaj oraj moneroj.

Laŭ peto de Karl Egon de Fürstenberg la germana imperiestrino Maria Terezia permesis al li pregi en 1772 orajn dukatojn kun lia portreto. Do la princo kreis al si oran monumenton en la formo de siaj propraj moneroj el eminenta ora trezoro de kelta civilizo!




Ora Dukato kun la portreto de Karl Egon la 1a von Fürstenberg.
Posedantoj de la foto: „Fritz Rudolf Künker GmbH & Co. KG, Osnabrück“ kaj „Lübke & Wiedemann KG, Leonberg“, www.kuenker.de
Maso 3,48 g. Eldonkvanto 5000. Prezo 20 000 €.

Malgranda nombro de la keltaj moneroj transportiĝis al kastelo Donaueschingen [dónaŭéŝingen] por pliriĉigi la princan kolekton tie. Kelkajn pliajn monerojn la princo donacis aŭ vendis al diversaj monkolektoj aŭ kolektantoj aŭ interŝanĝis ilin kontraŭ aliaj moneroj.

**4 Pri la vivsituacio ĉirkaŭ 1771**

La vivcirkonstancoj en la tempo, kiam la ora trezoro de Podmoklo troviĝis, estis ege malbonaj.

En aŭtuno de la jaro 1769 mankis manĝaĵoj, kaj je la fino de 1769 la grenprezo kvinobliĝis. Severa vintro kaj malfrua neĝo detruis parton de la vintraj kulturaj plantoj en 1770. La sekvanta printempo estis periodo de intensa pluvo. Pro manĝaĵa malabundeco ĉesis preskaŭ la tuta ekonomia vivo de la lando.

Ĉar nutraĵoj estis multekostaj kaj mankis pano, ĉiutage venis ĝis 100 almozuloj al Podmoklo. Por forpeli malsaton homoj ofte muelis glanojn kaj betojn por havi farunon, kaj kuiris urtikon kaj diversajn herbojn. El arboŝeloj oni faris supon. Malsato instigis homojn en Bohemio manĝi abomenindajn nematurajn terpomojn, kiujn malriĉaj bredantoj ne volis doni eĉ al porkoj. La terpomojn oni nomis unue „brambory“, ĉar en Mezeŭropo ilin enkondukis la Brandenburganoj, do la Prusoj.

Krome pro la tiama socia situacio la ordinaraj homoj estis ĝenerale pli malpuraj kaj neglektataj ol hodiaŭ. Kokinoj estis bredataj kaj nutrataj en loĝĉambro dum la tuta vintro kune kun la loĝantoj. Tiu situacio kaŭzis egan plimultiĝon de insektoj, ekzemple muŝoj, kuloj, tabanoj, araneoj kaj aliaj. Homoj malofte ŝanĝis siajn vestaĵojn dum la tago; malsekaj vestaĵoj kutime devis sekiĝi sur la korpo. Homoj havis nur modestan litkovrilon dum nokta dormo.

Alia negativa faktoro, kiu ege malfaciligis vivkondiĉon kaj sanon, estis la servuteco, la duonsklaveca stato de kamparanoj tiutempe.

Ne mirindas, ke epidemiaj malsanoj, kiuj hodiaŭ kuraceblas, tiutempe amase mortigis homojn. De junio 1771 ĝis junio 1772 almenaŭ 250 000 homoj pereis en Bohemio.

Sciante la tiamajn cirkonstancojn, oni pli bone povas kompreni la reagojn de la vilaĝanoj en Podmoklo: Ilian senliman ĝojegon pri la trovitaj ormoneroj, kiuj ebligos plibonigi ilian vivon sen malriĉeco kaj malsato. Tiumomente ili certe ne pensis pri iu konsekvenco de ilia agado.

**5 La oraj moneroj kaj la bronza kaldrono**

La trezoro de Podmoklo estas science nomata „trovo de deponitaĵo“ kaj klasifikiĝas kiel la siaspece plej granda trovo de Bohemio. La moneroj trovitaj ekster kaj en la bronza kaldrono gravegas monerhistorie.

Ekde la 5a jarcento antaŭ nia erao keltoj migris el siaj setlejoj en okcidenta Eŭropo interalie al Bohemio kaj pli orienten kaj suden. Oni supozas, ke ekzakte tiuj keltoj produktis la unuajn orajn kaj arĝentajn monerojn en Bohemio.

Laŭ Zdeněk Petráň, numismato kaj kunlaboranto de la Ĉeĥa Muzeo por Arĝentminado en Kutná Hora (Kuttenberg) cirkulis tiuj moneroj, kiuj havis la formon de pelvetoj, en Bohemio en la lastaj jardekoj antaŭ nia erao. Pri tio ne ekzistas skribaj dokumentoj. Tiuj ĉi moneroj ne havis surskribojn, sed simbolojn, kiujn nur la keltoj komprenis. La oro por la moneroj tre verŝajne estis produkto de orlavado el bohemiaj riveroj. Tiu oro estas tre pura (986/1000). La monerojn produktitajn el tiu oro oni nomas hodiaŭ „ĉielarkaj pelvetoj”. Unuopaj moneroj estis trovitaj sur kampoj. Ĉar post pluvo foje aperas ĉielarko, oni pensis laŭ mezepoka legendo, ke sur la ĉielo estas ora pelvo, el kiu oraj moneroj deglitas laŭ la ĉielarko teren. Ankaŭ science la origine popoldevena nomo „ĉielarkaj pelvetoj“ estas nun uzata. Ĉu la nomo devenas de la popola legendo aŭ de la bildo de la volbeca okula iriso (ĉielarka haŭto de la okulo; de la malnovgreka vorto ἶρις = = ĉielarko) oni ne scias.

Evidentiĝis, ke en la historio de la keltoj la trezoro de Podmoklo reprezentas la plej grandan kolekton de keltaj oraj moneroj – ne nur en Ĉeĥio, sed en tuta Eŭropo – kaj oni rigardas ĝin kiel unika monumento de kelta civilizo en Bohemio/Ĉeĥio. Se la kompleta trezoro estintus konservita ĝis hodiaŭ, ĝi estus unu el la plej valoraj kaj historie ege elstaraj artaĵoj.

Konserviĝis nur la supra rando de la bronza kaldrono kun arka tenilo kaj ties du muntigiloj en formo de serpentaj kapoj – vidu sur paĝo 10. La restaĵo de la kaldrono iĝis parto de la kolekto en kastelo Křivoklát. Pro sia unikeco ĝi estas unu el la plej gravaj arkeologiaj monumentoj. La kastela kolekto posedas kelkajn „ĉielark-pelvetformajn” monerojn el la trezoro de Podmoklo. Ĉirkaŭ dudek samtipaj oraj moneroj troviĝas en la deponejo de la Nacia Muzeo en Prago, sed ne certas, ĉu ĉiuj venis de la monera trezoro de 1771. Aliaj specimenoj ankaŭ estas listigitaj en pluraj muzeaj kolektoj ekster Ĉeĥio.

NEUE UNTERSUCHUNGEN

ÜBER DIE RÖMISCHE BRONZEINDUSTRIE VON CAPUA UND VON NIEDERGERMANIEN

BESONDERS AUF DIE FUNDE

AUS DEUTSCHLAND UND DEM NORDEN HIN

VON

HEINRICH WILLERS

MIT 56 ABBILDUNGEN IM TEXT UND 8 LICHTDRUCKTAFELN

En tiu ĉi libro el la jaro 1907 aperas desegnaĵo, kiu donas impreson, kiel eble aspektis la supra parto de la kaldrono, en kiu la ora trezoro troviĝis.

Eimer 13 (Abb. 1. 2; in Braunschweig im Privatbesitz). Er gleicht in der Form ganz dem aus Osterehlbeck (Taf. 2, 1). 'Höhe bis zum Rande 236 *mm*, Dm. der Standfläche 155, grösster Dm. 235, Dm. der Mündung 185 *mm*. Auf eine ganz eigenartige Weise ist der Henkel befestigt. An der inneren Seite des Halses sind an zwei sich gegenüberliegenden Stellen je zwei eiserne Ringe von 34 *mm* Durchmesser befestigt. Sie werden je durch eine kurze, röhrenförmige Oehse gehalten, die aussen mittels einer eisernen Scheibe von 22 *mm* Durchmesser befestigt ist. Die beiden inneren Ringe sind untereinander durch einen aufrechtstehenden, eisernen Bügel verbunden, der etwa 34 *mm* über den Rand hervorragt; in die beiden Bügel fassen nun die Endhaken des eisernen Henkels (Abb. 2). Dieser ist 120 *mm* hoch, ungefähr 8 *mm* dick und misst von Haken zu Haken 142 *mm*, während die Entfernung von Spitze zu Spitze 198 *mm* beträgt. Es hat den Anschein, als sei diese Art der Befestigung nur ein Notbehelf gewesen, eingerichtet, als die Henkelbeschläge abgefallen waren. Hr. C. Saul hat jetzt mit den zum teil erneuten Gliedern die Einrichtung nach der ursprünglichen Weise wiederhergestellt.' [1]



Abb. 1. Rhode. 1/7



Abb. 2. Eiserner Henkelbeschlag. 2/5

La desegnaĵo supre montras ne kaldronon, sed sitelon.

## 6 La valoro de la trezoro

La alta historia valoro de la trezoro provokas miregon. Eĉ plian miregon provokas la kvanto de tiu trovaĵo: Temas pri ĉirkaŭ 50 kg da oro.

Se oni kalkulas ĉiujn monerojn el preskaŭ pura oro de la trezoro, oni povus konkludi jene:
La tuto de la en 1771 trovitaj moneroj, el kiu pregiĝis dukatoj kun la portreto de la imperiestrino Maria Theresia, pezis 28 kg;
La materialo uzita en 1772 por fari la dukatojn de Fürstenberg pezis 18,48 kg;
Oni povas supozi, ke la ĉirkaŭ 1000 perditaj keltaj moneroj povus pezi ĉirkaŭ 3,60 kg.

El tio oni povas konkludi, ke la trezoro de Podmoklo pezis ĉirkaŭ 50 kilogramojn. Se ĝi enhavus nur la plej grandajn specojn de keltaj moneroj, oni povas kalkuli pri ĉirkaŭ 7000 oraj moneroj. Por havi iun ideon de la grandeco de la trezoro: Se oni konsideras, ke unu tia kelta monero kostas hodiaŭ sur la merkato de la kolektantoj proksimume 3000 Eŭrojn, la trezoro de Podmoklo valorus 21 000 000 Eŭrojn. Tamen precize kalkuli la financan valoron de historiaj objektoj estas ege malfacila aŭ eĉ neebla.




Vizaĝo de Voigt arte portretita de la ĉeĥa medalisto Karel Zeman sur bronza medalo de 1983

La historia kaj arthistoria valoro de la trezoro montriĝas en la intereso instigata por historio kaj kulturo de Bohemio respektive Ĉeĥio, por arkeologio kaj numismatiko, por diversaj specoj de pagmoneroj. Rekomendindas ekzemple komenci esplori tiun valoron kun la studado de la biografio de la fondinto de la scienca ĉeĥa numismatiko, la monaĥo-piaristo Nikolaus Adaukt (Adauctus) Voigt [níkolaŭs adaŭkt adaŭktus fojgt][5] kaj lia priskribo de la trezoro de Podmoklo, eldonita en 1771 tuj post la trovo.

---

[5] Ĉeĥe Mikuláš Adaukt Voigt; 1733-1787.

Por li la „ĉielarkaj pelvetoj“ trovitaj ĉe Podmoklo kaj ĉe Nižbor[6] [niĵbor] estis indiĝenaj moneroj. En sia letero al amiko - datita „Prago 1771“ - pri la trovo de ormoneroj en Bohemia li refutis la diversajn teoriojn pri alilanda deveno de la ĉielarkbovlaj moneroj.

## 7 El la vivo de la princo Karl Egon de Fürstenberg la 1a[7]

Princo Karl Egon la 1a ludis gravan rolon en la historio de la trezoro de Podmoklo. La nobela familio Fürstenberg origine devenis el Germanio. Karl Egon naskiĝis la 7an de majo 1729 en Prago kaj mortis en Prago la 11an de julio 1787. Li estis entombigita en la tombon de Fürstenberg en la vilaĝo Nižbor [niĵbor], distrikto Beroun [beroŭn].

La bienon Pürglitz, ĉeĥe Křivoklát, li heredis de sia patrino grafino Maria Anna von Waldstein und Wartenberg, kiam ŝi mortis en 1756. Li edziĝis en 1753 al grafino Maria Josepha von Sternberg. Ili havis tri filojn.

Post siaj studoj en la universitato en Lepsiko (germane Leipzig) (1744-46) li vojaĝadis en Italio, kie li dediĉis sin al la studado de arkeologio kaj trejnado de sia muzika talento.

Post sia reveno 1747 li povis ekagi en sia pasio de kolektado, ĉar li bonŝance havis alte pagitan postenon kiel privata sekretario[8] de sia patro, princo Josef Wilhelm Ernst de Fürstenberg-Stühlingen, kies dua filo Karl Egon estis.

---

[6] Germane Nischburg.
[7] Fonto: Biographisches Lexikon des Kaiserthums Österreich, volumo du, 1959. Tradukis Renate Klag.
[8] Geheimsekretär.




Fonto: Geni

La patro laboris en Regensburg kiel imperiestra ĉefkomisaro. 1751 li iĝis konsilisto[9] ĉe la landa registaro en Prago, 1766 imperiestra ĉefkomisaro farante kontrolan laboron en la Imperia Kortumo de Wetzlar. Kiam li finis tiun respondeculan aktivecon, li premiiĝis per la aljuĝo de la Ora Ŝafofelo.

La 20an de julio 1771 Princo Karl Egon estis nomumita la plej alta burggrafo kaj guberniestro de Bohemio. Sur tiu posteno li komencis benoriĉan agadon. En 1772, kiam la popolo suferis pro granda malsato kaj inflacio, li helpis per siaj propraj riĉaj rimedoj, sen malkaŝi, ke li mem estis la donacanto.

En Bohemio li konstruigis lernejajn domojn 1773 kaj enkondukis la „Normalan Lernejan Metodon“, de instruisto kaj abato Johann Ignaz von Felbinger (1724 - 1788), la reformisto de la lerneja sistemo sub la regado de Maria Theresia kaj ties filo Jozefo la 2a; temis pri nova metodo de strukturita lernado en tabela formo kaj uzado de demando-respondo-metodo inter instruisto kaj lernantoj. Li subtenis kelkajn lernejojn, interalie la unuan privatan komercan lernejon de la Aŭstria Imperio.

En 1775 li sukcesis trankviligi minacantan kamparanan tumulton kaj restarigi la malnovan ordon per la enkonduko de nova servuta leĝo. En la militjaroj 1777 ĝis 1779 kaj la sekva periodo de inflacio li montris sin denove kiel anĝela savanto en malbona tempo. En sia bieno en Podmoklo aboliĝis la servuto jam en 1779, do preskaŭ 70 jarojn antaŭ ol la servuto estis oficiale abolita en la tuta reĝlando Bohemio en 1848.

1782 li rezignis pri la ŝtataj postenoj. Ekde tiu tempo li dediĉis sin al la plibonigo de la agrikulturo sur siaj Bohemiaj terkulturaj bienoj kaj enkondukis novigan kultivadon, ekzemple de la trifolio en la bieno Křivoklát. Li promociis artojn kaj sciencojn kaj donacis sian riĉan kolekton de naturaj kaj artaj objektoj al la Bohemia Socio de Sciencoj, kiu elektis lin ĝia prezidanto. Tiu socio nun estas administrata de la Praga Nacia Muzeo. Post lia morto en julio 1786 bildo de li estis

[9] Rath

starigita en la kunvena ĉambrego de la Socio en aŭgusto 1786. Kiam li mortis en la aĝo de 57 jaroj, li postlasis multvaloran kolekton de faksimiloj, kuprogravuraĵoj kaj valoran bibliotekon de pli ol 20 000 volumoj, kiu estas unu el la plej grandaj kaj plej valoraj aristokrataj bibliotekoj en Ĉeĥio. Ĝi situas en la kastelo Křivoklát ekde 1881.

Princo Karl Egon la 1a verŝajne ne sciis multe pri la vilaĝo Podmoklo, kiun li posedis. Li eksciis, ke sur sia posedaĵo proksime de la vilaĝo Podmoklo oni trovis kelkajn tagojn antaŭe grandegan trezoron de oraj moneroj[10], kiujn homoj el la ĉirkaŭaĵo rapide forprenas. La bieno estis prizorgata de liaj oficialuloj, kiuj certe ne propainiciate irus tien tiutempe - post la 12a de junio 1771 - por malpurigi siajn ŝuojn en ŝlima grundo de la riveret-borda deklivo. Ili iris tien, nur ĉar la princo mem sendis ilin.

RK, WK

**8 La boioj kaj ties moneroj**

La boioj estis kelta tribo, kiu vivis en meza Eŭropo. La signifo de la nomo „boioj“ estas ne klara. Unue ili setlis inter Rejno kaj Danubo, poste en la regiono de la nunaj ŝtatoj Ĉeĥio, Slovakio, Aŭstrio, suda Germanio, norda Italio, Hungario kaj Bulgario. Ĉirkaŭ la jaro 200 antaŭ nia erao la italaj boioj romaniĝis, la nordaj asimiliĝis al la markomanoj.
En la 4a kaj 3a jarcentoj antaŭ nia erao la boioj imitis la monan sistemon kaj la monerojn de la grekoj. La greka monera sistemo estis jena:

| | |
|---|---|
| 1 Talento = 60 Minoj | 1 Mino = 100 Draĥmoj |
| 1 Statero = 2 Draĥmoj | 1 Draĥmo = 6 Oboloj |
| 1 Obolo = 8 Ĥalkoj | |

---

[10] Laŭ Biographisches Lexikon des Kaiserthums Österreich, volumo du, 1959: Post kiam proksimume unu triono de la trezoro estis forigita, pli ol 80 funtoj estis surloke.





*Supre:*
Greka Tetradraĥmo = 4 Draĥmoj. Materialo arĝento. Diametro 24 mm.
Maso 17 gramoj. Prezo 500 €. Pregita 454 - 404 antaŭ nia erao en Atiko. Atiko estas la regiono ĉirkaŭ la nuna greka ĉefurbo Ateno.

*Maldekstra bildo:*
Maldekstre supre oliv-arbaj folioj kaj la luna serpo. Meze arbara strigo, kiu oftas en Ateno. Dekstre la literoj ΑΘΕ por Ateno. La damaĝo estas kaŭzita de bato por pruvi la aŭtentikecon de la monero.

*Dekstra bildo:* Kapo de Atena, la greka diino de la saĝeco kaj la protekta diino de la urbo Ateno, kun kasko kaj laŭrofolioj.
La maso de la atika ora Statero estas plimalpli 8,6 gramoj.

La maso de ora Statero de la boioj estas plej ofte inter 8,1 kaj 8,2 gramoj, la fajneco ĉirkaŭ 98 %; 2 % estas arĝento kaj ne-noblaj metaloj. La diametro estas ĉirkaŭ 16 mm. Ekzistas ankaŭ trionaj, okonaj kaj tre malgrandaj 24-onaj Stateroj. Por pagi malgrandajn sumojn oni uzis ankaŭ arĝentajn monerojn. Ili estas relative grandaj, ĉar la valoro de arĝento estas malpli alta ol la valoro de oro. Kelkaj el tiuj arĝentaj moneroj portas la nomon de tribestro: BIATEC, NONNOS, DEVIL, BUSUMARUS, AINORIX, TITTO kaj aliaj.
La maso de la oraj ĉielarkaj pelvetoj estas ĉirkaŭ 7 gramoj, la diametro 18 mm, la fajneco averaĝe 90 %.

Detalojn vi trovas en la libro „Die ostkeltischen Münzprägungen. Die Münzprägungen der Boier. Mit Berücksichtigung der vorboiischen Prägungen" de Rudolf Paulsen [paŭlsen], eldonejo Schroll, Wien, 1974.
Aĉetebla en la malnovlibrejo „Das Bücherdepot", prezo 75 €,
buecherdepot@chello.at kaj office@buecherdepot.at
En tiu libro troviĝas la tri sekvaj ilustraĵoj. Temas pri fotoj de gipskopioj.



Tabulo 1 en la libro de Paulsen

En tabulo 1 la numeroj 1 kaj 2 estas grekaj oraj stateroj pregitaj sub la regado de Aleksandro la Tria de Makedonio. Numeroj 3 ĝis 10 estas imitaĵoj el oro, pregitaj fare de boioj, tiel nomitaj plenstateroj, tipo Nike, la diino de la venko.
Diametro 18 ĝis 19 mm, maso inter 8 kaj 9 gramoj.

La aversoj[11] (tute supra vico) montras la grekan diino Palas Atena, la diino de saĝeco, strategio, batalo kaj arto, kun korinta kasko kaj fasko; la reversoj[12] (pli suba vico) prezentas paŝantan Nike-on, kun laŭrokrono en la dekstra mano kaj krucoforma signo en la maldekstra (malbone videbla). Dekstre legeblas „ΑΛΕΞΑΝΔΡΟΥ“ [aleksandroj].
La barbariĝo de la desino estas klare videbla.



Tabulo 3 en la libro de Paulsen

En tabulo 3 la numeroj 41 ĝis 47 estas oraj moneroj de la tipo Nike, sed kun masoj inter 3,41 g (47) kaj 6,26 g (41). Ili estas kvazaŭ duonstateroj.

---

[11] Antaŭa flanko
[12] Malantaŭa flanko

Ankaŭ tie la barbariĝo de la desino estas klare videbla.

48 ĝis 50 estas Plenstateroj, sed kun apenaŭ ekkoneblaj figuroj, ĉar oni uzis eluzitajn stampilojn (pregilojn). La materialo estas mola kaj ege forŝlifiĝis la surfaco dum ofta uzo. Diametro 14 ĝis 18 mm.




Grandaj arĝentaj moneroj. Tabulo 31 en la libro de Paulsen

Sur la moneroj sur tabulo 31 oni vidas sur la averso (unua kaj tria vico) Honos kaj Virtus. Por la romianoj Honos estis la alegorio de la milita honoro, Virtus la alegorio de la soldata kuraĝo. Ili ofte aperas kune sur moneroj.
La surskribo „BIA“ estas aŭ mallongigo de BIATEC aŭ alia nomo.

Sur la reverso ĉevalo kun rajdanto kaj sube BIATEC.
Materialo arĝento, maso ĉirkaŭ 17 g, diametro ĉirkaŭ 27 mm.
Iam oni transiris de la ora mon-sistemo al la arĝenta.

WK

## 9 La mona sistemo en la habsburga monarkio dum la 18a jarcento

La militoj 1740 ĝis 1748 inter Aŭstrio kaj Prusio respektive aliaj ŝtatoj estis ruinigaj ne nur por la aŭstria ŝtato. Necesis reordigi la monan sistemon. La konvencio, kiun sekvis kelkaj aliaj eŭropaj ŝtatoj, estis jena:
El unu „fajna kolonja marko“, tio estas 234 gramoj da arĝento, oni pregis 10 Talerojn = 20 Guldenojn.
El unu „fajna viena marko“, tio estas 281 gramoj da arĝento, oni pregis 12 Talerojn = 24 Guldenojn.
Sur kelkaj moneroj aperas kruco „X“ aŭ „C. M.“. Ambaŭ signifas „Conventionsmünze“ (konvencia monero).
1 Guldeno = 60 Kreuzer [krojcer] (krejceroj, mallonge Kr aŭ Xr).
Kreuzer signifas monero kun kruco.
Por pagi malgrandajn sumojn pregiĝis tre etaj arĝentaj moneroj. Tio estis nepraktika. Tial oni pregis kuprajn monerojn, kiuj estas pli grandaj ol la samvaloraj arĝentaj.

Paralele validis oraj moneroj, ekzemple dukatoj.

Detalojn oni trovas en la libro
„Österreichische Münz- und Geldgeschichte“ de Günther Probszt,
ISBN 978 3205 9818 17, Eldonejo Böhlau 1973.

WK

## 10 La libro de Biener

1777 aperis la unua libro pri la podmokla trezoro. La aŭtoro estas Karl Joseph Biener von Bienenberg[13].



Abhandlung
über die
bey Podmokle
im Jahre 1771
gefundenen
Goldklumpen,
einem Dorfe zu der Sr. fürstlichen Gnaden Herrn
Herrn Fürsten zu Fürstenberg gehörigen Herrschaft
Pürgliz im Königreiche Böhmen.

Mit einer Kupfertafel.

Mit Bestätigung der k. k. Censur.

Prag,
mit Schriften der königl. Normalschulbuchdruckerey,
durch Joh. Adam Hagen, Faktor.
1777.

[13] [karl josef biner de binenberg]. Biener signifas abelisto; Bienenberg estas abela monto.




En sia libro li priskribas detale la trovaĵon kaj venis al la konkludo, ke la monerojn produktis boioj aŭ markomanoj. Li asertas, ke sur la moneroj estas runoj, sed tio estas ne vera.

Pri Biener: https://de.wikipedia.org/wiki/Karl_Joseph_Biener_von_Bienenberg

La libro estas elŝutebla: http://digitale.bibliothek.uni-halle.de/vd18/content/pageview/12811018

## 11 Kio estas trezoro?

Trezoro estas movebla objekto, kiu havas materian aŭ sciencan valoron, kaj kiu estis tiel longe kaŝita, ke ne plu eblas konstati la posedanton.

La romia imperiestro Hadriano regis de 117 ĝis 138. Li decidis:
Unue: La trovanto povas al si preni, kion li trovis sur la propra grundo;
Due: Se iu trovas ion sur fremda grundo, tiu devas doni la duonon al la grund-posedanto, la alian duonon li povas preni al si.
Tio principe validas ankoraŭ hodiaŭ.

En la reglamento Sachsenspiegel [saĥsenŝpigel] (13a jarcento), valida en la germana regno, oni legas: Ĉiu trezoro, kiu troviĝas pli profunde en la tero, ol oni povas plugi, apartenas al la reĝo.

Dum la 18a jarcento multaj princoj bezonis grandajn monsumojn por financi sian pompan vivon kaj decidis, ke la tutaj trovitaj trezoroj apartenas al la reĝo aŭ princo.

Pliajn detalojn oni trovas en la libro
Ralf Fischer zu Cramburg / Das Schatzregal. Numismatischer Verlag Gerd Martin Forneck, 2001.

RK, WK




Křivoklát en Ĉeĥio
Fonto: Vikipedio



Křivoklát hodiaŭ
Fonto: Wikimedia



Tie-ĉi troviĝis la ora trezoro
Fonto: Miaow



Loggia im Hof aus der Zeit um 1480/1490
Loĝio en Křivoklát

# Informoj kaj anoncoj



Floro de frago fotita de Irene Klag 2020

# Valora donaco por amiko de Esperanto

En Vieno aperis du arĝentaj medaloj en la formo de 50-Stela kaj 100-Stela moneroj.




Okaze de la 150a naskiĝ-datreveno de la svisa esperantisto René de Saussure aperis 2018 tiu 100-Stela *monero*.
Maso unu unco (31,1 gramoj) da arĝento 999/1000, diametro 37 mm, surfaco polurita (proof), eldonkvanto nur 1000. Arĝenta stampo 925, liverado en kapsulo. La dezajnon kreis magistro Helmut Andexlinger, la ĉefgravuristo de la renoma ŝtata aŭstria monerfarejo Münze Österreich.
Prezo 50 € plus sendokostoj.




2020 aperis arĝenta 50-Stela *monero* por la honoro de la nederlanda esperantistino Julia Isbrücker.
Maso 30 gramoj da arĝento 925/1000, diametro 40 mm, surfaco polurita (proof). Eldonkvanto nur 300. La dezajnon kreis magistro Helmut Andexlinger, la ĉefgravuristo de la renoma ŝtata aŭstria monerfarejo Münze Österreich.
Prezo 60 € plus sendokostoj.

Mendoj: esperanto@chello.at. Mag. Walter Klag



# Esperanto-Bibliothek und Ausstellungsräume

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**